XXXIV-a Jaro — N-ro 456 (2) — 31 Januaro 1938


# ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio


## Eltombigo

En numero 453 de nia gazeto ni presigis informon el revuo « Cosmoglotta », laŭ kiu en jaro 1907 du Esperantistoj bone konataj, komandanto Lemaire kaj D-ro Javal, proponis al D-ro Zamenhof, 250.000 Frankojn (orajn !) kondiĉe ke li akceptu reformojn en la lingvo. Ni aldonis komentarion kiun ni represigas tie-ĉi ankoraŭfoje:

Hu, hu. kia novaĵo por miregigi la civitanon ! Se tiel aspektas la vero, tiam ni ŝatus konatiĝi kun efektivaj malveraĵoj ! Tiu ĉi provo subaĉeti D-ro Zamenhof ja estas tipa, ne por la du honorindaj personoj, Javal kaj Lemaire, sed por tiu kiu 30 jarojn poste surtabligas tion. Utile estus scii sur kiuj dokumentoj bazas tiu ĉi diraĵo.

« Cosmoglotta » respondas je tio, en numero 119, Januaro 1938 kion ni konigas tie ĉi :

« Por ke oni ne dubu pri la vereco de niaj asertoj, ni opinias necese reprodukti la plej konvinkigajn el niaj dokumentoj kaj ni ofertas al la redakcio de Esperanto meti ilin persone sub ĝiaj okuloj, tuj kiam ĝi tion deziras.

La unua estas longa letero skribita de Komandanto Lemaire al Couturat, datita de Bruxelles je 2 Majo 1907. Ĉi tiun leteron ni trovis en la arkivoj de la Delegacio en Parizo. Por eviti ĉiun misinterpreton ni citas la du plej gravajn partojn en ĝia franca originalo ».

(Letero, originalo en franca lingvo).

Mi ne diris al vi, pro delikateca sento ja natura, ke Zamenhof ricevis de nia bedaŭrata Javal kaj de mi proponon, kiun ne faros aliaj.

Rigore konfidence mi sciigas vin, ke ni ofertis al li: 250.000 (250 mil) frankojn, kondiĉe ke li forlasu Varsovion kaj venu loĝi en Bruselo, Parizo. Ĝenevo aŭ aliloken laŭ sia plaĉo; li estus ŝarĝita prezenti la reformojn al la esperantista mondo.

Interŝanĝe, Javal kaj mi, estus petintaj nenion.

La frato de Zamenhof partoprenis la traktadojn (nelegebla vorto) en Ĝenevo; li insist-petis de Javal kaj mi, ke ni ne lasu lian fraton reiri al Varsovio. Tiutempe Zamenhof estis preta por ĉio.

Kiam li revenis al Bruselo monaton poste li alportis projekton pri reformoj konsistanta el anstataŭigo de ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ. per ch, gh, hh, jh, sh. ,

Kaj alumeto fariĝis alumo
urini fariĝis pisi
alaŭdo fariĝis alavdo
ktp, ktp.

Kompreneble Javal kaj mi deklaris, ke ni ne povas akcepti tiujn kondiĉojn, sed nur la plenumon de la promesoj kompletaj. faritaj en Ĝenevo...

Ankoraŭfoje, mi diras ĉi tion ĉion al vi nur tute konfidence : Generalo Sébert kaj Gaston Moch konas la aferon. Senutilas aldoni ke la vojaĝo de Zamenhof al Bruselo kaj al Parizo estis repagita al li; li ricevis 2000 frankojn por ĝi.

Miaopinie Zamenhof estas inter la manoj de la malgranda grupo, kiu profitas el la publikigoj esperantistaj. Mi rakontos al vi okaze, pri kio Zamenhof nin informis tiurilate, Javal kaj min.

---

Plia pruvo citita de « Cosmoglotta » estas letero de D-ro Zamenhof mem, adresita al D-ro Javal. Ni ĝin represas same tie ĉi.

Dr L. Zamenhof
Varsovio
str. Dzika N° 9 — 3. X. 06

Kara sinjoro !

Mi ricevis vian leteron de 26 IX. *Mi nun laboras diligente pri la plibonigoj*, mi komparas ĉiujn ideojn, kiujn mi havis pri tio ĉi en diversaj tempoj, ĉiujn opiniojn kiujn mi aŭdis aŭ legis, — kaj mi ĉion denove esploras. La 15an de Oktobro mi akurate venos Bruselon kaj tiam mi detale parolos pri ĉio. Tiam mi prezentos al Vi tiujn plibonigojn kiujn mi proponas fari, Vi diros al mi Vian opinion, Viajn proponatajn aldonojn, ŝanĝojn, k. t. p. kaj mi respondos al Vi, ĉu mi povas ilin akcepti aŭ ne. *Pri Via propono rilatanta mian personon* ni parolos nur poste. ne pli frue ol tiam, kiam estos tute finitaj niaj interparoloj pri la plibonigoj, ĉar la akceptebleco aŭ neakcepteblеco de Via *nobla propono* plene dependos de tio, ĉu ni povos veni al reciproka interkonsento pri la formo kaj kvanto de la plibonigoj. Se post kvin aŭ ses tagoj de priparolado ni venos al reciproka interkonsento pri la plibonigoj, tiam — nur tiam — ni povos komenci la priparoladon de la aranĝo persona.

Via L. Zamenhof.

---

Ni efektive ne memoris tiun ĉi, fakton, ke siatempe oni proponis al D-ro Zamenhof tian sumegon. Nu, ni opinias ke la pruvo donita de Cosmoglotta ne estas dokumento jure uzebla. De la *intenco grandanima* donaci 250.000 Frankojn (en 1907) por afero tiom malkonkreta, ĝis la *efektivigo* estas granda paŝo. Por ke ĝi havu efektivan valoron necesis, ke tia propono estu farata oficiale, per jura akto, antaŭ notario.

Oni ja konas tiajn perleterajn promesojn ne nur en idealismaj movadoj ! Sed ni citas alian fakton: Je kia rajto oni volis kvazaŭ devigi la aŭtoron de Esperanto akcepti ion, kion li kaj ne malmultaj aliaj esperantistoj konsideris kiel danĝera ? Supozante eĉ akcepton de tia nebula propono, kio estus estinta la rezulto? Ni povas tion diri: Parto de la tiamaj Esperantistoj estus restinta fidela al ĝi, malgranda parto estus transirinta al la nova lingvo. D-ro Zamenhof mem, en sia konata singarda maniero, devis supozi la proponon kiel seriozan — almenaŭ kontraŭ tria persono. — Kion li mem pensis pri ĝi estas sekreto.

Ni ne pridubas la aŭtentikecon de la dokumentoj. Kion ni pridubas estas la seriozeco de la tuta marĉando. Siatempe firmo Hachette starigis sian fakon de Esperanto. Estis por nia afero granda, eĉ tre granda servo. Por la firmo Hachette ĝi ne estis profita negoco. Kiu iom konas la materion scias tion tro bone. Kaj la kontrakto inter firmo Hachette kaj Zamenhof rilatis nur la verkojn de D-ro Z... Plie Hachette devigis sin eldoni gramatikojn kaj vortarojn en sep ĉefaj lingvoj de Eŭropo, je sia kosto.

Restas do unu fakto : Ekzistis tiutempe du partioj en la movado. D-ro Zamenhof fidis al unu plene. Vidante troan premon (monopoligemo de S-ro de Beaufront) D-ro Z. malmendis faritajn cedon kaj kontrakton kun S-ro d. B.

La aranĝo kun firmo H. estis ordinara simpla kontrakto el kiu profitis nur la movado. La « profito » el la eldono de lernolibroj kaj la diro « ke D-ro Z. estis en la manoj de eldona firmo » estas nura « groteskaĵo ».

D-ro Javal iom pli poste donacis al la Centra Oficejo Esperantista la sumon de 80000 Frankojn, do li mem opiniis pli bone subteni Esperanton ol riski ĉion per ne laŭtempaj eksperimentoj.

Ni fermas tiun ĉi ĉapitron. mantenante nian opinion, ke temis pri persona provo neniel pruvebla kiel serioza kapti D-ro Zamenhof, en tempo kiam li ne plu estis mastro de la lingvo, post la Bulonja Deklaracio.

H. J.

## Helpu al Hispanaj Infanoj

### Pensu al la doloro de Hispanujo




Reproduktaĵo de l'skulptaĵo en la Ekspozicio Parizo 1937

En antaŭa numero de Esperanto ni informis pri la Helpagado al malsatantaj infanoj en Hispanujo. Nia alvoko jam trovis aŭskulton.

---

La Amika Rondo Esperantista « La Stelo » en Ĝenevo decidis fari monkolekton ĉiusemajne dum la kunveno por partopreni tiun ĉi helpon, fariĝante tiel « baptopatro » de infano en Madrid. De unu el niaj Honoraj Membroj ni ricevis belan sumon por certigi kelkmonatan nutradon de plia infano.

Ni daŭrigas tiun ĉi klopodon kaj invitas la esp. grupojn imiti la ekzemplon de la Ĝeneva Amika Rondo. Bonvolaj samideanoj en aliaj landoj, dezirantaj alporti sian obolon al tiu ĉi modesta helpo povas sendi ĝin al Universala Esperanto-Asocio (Helpo al Hisp. Infanoj) Donacontoj ricevos senpere kvitancon de la koncerna bonfara organizaĵo (Svisa Helpo por Hispanaj Infanoj-Ayuda Suiza a los niños d'España).

## Atentu! Irlando parolas! Atentu!

Radio-dissendo pri Irlanda lingvo

Dimanĉo 6 Februaro :
Greenwich: 6.15 - 6.30 PTM
MET : 19.15 - 19.30 h.

Athlone 331 m.
Dublin 223 »
Cork 242 »

Aŭskultu ! Poste gratulu al :
Broad casting, Dublin, Irlando.


## Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : Palais Wilson, Genève, Svislando

# Socio kaj Lingvo

## La Retoromanĉoj

de Peider Lansel

### Enkonduko

*Je la 20 Februaro 1938 la svisa popolo voĉdonos pri proponita modifo en la konstitucio. Tiu ĉi modifo rilatas al la lingvo de la retoromanĉoj, la romanĉa, kelkfoje nomita ankaŭ ladina, [kun d ne t] lingvo.*

*Vivas en Grizono, la lando de la Griza Ligo, parto de l'iama provinco roma Raetia prima, posteuloj de iam multnombra popolo. Ĝi parolas lingvon, kiun oni prave nomas senperan idon de l'patrino latina, idiomo sendepende evoluiĝinta.*

*Nur unu procenton formas la retoromanĉoj de l'popolo svisa. Kaj post silenta persista batalo, per metoda konvinkigo informa, la leĝfaranta kiel la leĝplenumantaj povoj submetas al la suverena popolo la proponon, ke la retoromanĉa havu la kvaliton de nacia lingvo svisa kiel kvara en la vico : germana, franca, itala, kiuj restas la oficialaj lingvoj de la konfederacio.*

*Estas unika okazaĵo, ke popolo voĉdonas pri lingvo. Estas ankaŭ unika, ke dum la publika diskutado, ĉie, oni komprenis tiun ĉi voĉdonon kiel plenumon de rajtigita postulo.*

*Ni opinias utile, informi la legantavon de ESPERANTO pri deveno kaj historio de la retoromanĉoj, loĝantaj en la centoj da valoj kaj valetoj de l'kantono Grizono konservintaj tra jarcentoj propran idiomon, kaj proprajn morojn.*

*Ni estas feliĉaj, povantaj publikigi tekston de prelego, farita ital lingve de D-ro h. c. Peider Lansel, eks-konsulo svisa en Livorno, ĉe la Svisa Societo en Milano, Majo 1935. La traduko estas farita laŭ la itala originalo.*

*Redakcio de ESPERANTO.*

Kiam refluis la Roma Imperio, kiu kovris kiel giganta oceano la pli grandan parton de Eŭropo, ĝi lasis post si relativan lingvan unuecon. El ĝi evoluis iom post iom, post sinsekvo de invadoj kaj migradoj, la diversaj novlatinaj lingvoj.

Al la arkaikaj formoj de tiu ĉi evoluo apartenas la l a d i n a j dialektoj parolataj inter monto S-ta Gothardo kaj la Adriatiko (respektive ĝis la Isonzo), zono, kiu simile al rubando ŝoviĝas inter la lingvaj teritorioj itala kaj germana (unuflanke lombardaj, veneciaj dialektoj, aliflanke alemanaj, bajuvaraj) kaj limante ĉe l'oriento al slavaj dialektoj. Ĉi tiuj ladinaj dialektoj, iam etendiĝintaj sur teritorio multe pli vasta, dekomence apartiĝintaj inter si, neniam povis kuniĝi en bloko kompakta. Ne ekzistas « **ladina nacio** » kaj ne ekzistis. Kaj tio permesis al la germanaj, lombardaj kaj veneciaj dialektoj rompi larĝajn breĉojn en la ladinan zonumon, pro kio tiu ĉi fine disfalis en tri grupojn, lingve izolitajn. Laŭ la majstra klasigo de Ascoli ili estas la sekvantaj :

1. **La Orienta aŭ friula grupo** (Provinco de Udine kaj la teritorioj Gorizia kaj Gradisca) kun plej granda popolnombro, ĉirk. 500.000 homoj, **sed kie la idiomo estas malpli pura.**

2. **La Centra grupo** (la superaj partoj de la valoj disradiantaj de la Marmolata —, la riverlitoj de l'Avisio kaj de l'Noce — kiuj laŭ Ascoli — « **finis esti ladinaj** ». Tiu ĉi grupo disdividiĝas en vera arkipelago de insuletoj lingvaj, kie tiuj ĉi dialektoj — ĉiam laŭ la diro de Ascoli — « **cedas konstante terenon al la venecia idiomo, kaj restantaj nur duone ladinaj.** Escepton faras la valoj Gadera kaj Gardena, iam sub aŭstria regado kaj malfermitaj norde » « **kie konserviĝis la plej pura ladina de tiu ĉi grupo** ».

3. **La Okcidenta grupo** estas formata de la 40.000 svisaj retoromanĉoj, nomo preferinda pro ĝia klareco al la ĝenerala esprimo « ladina », ĉar tiu ĉi grupo eniĝas senreste en la precize fiksitaj limoj de la kantono Grizono, **lingva teritorio** kie kiel Ascoli akcentas « **la patra heredaĵo de la ladino plej bone konserviĝis** ».

Kaj ĝuste pri ĉi tiuj retoromanĉoj ni volas prezenti la transformiĝojn de la pasinto kaj la nunan staton.

La teritorio de Grizono, de la Gothardo al Ortler, konsistas el plej komplika reto de alpaj valoj, kiuj verŝas siajn akvojn kun la Rejno al la Norda Maro kaj kun la rivero Inn (Eno) al la Nigra Maro, la alfluoj de la Tiĉino, de la Adda kaj de l'Adiĝo (Etsch), al la Adria Maro.

Larĝe etendiĝanta teritorio sed malmulte popolata (la popolnombrado de 1930 indikas 126.440 loĝantojn) ĝi nombras 221 komunumojn, parte situataj en alteco, kiel nenie en Eŭropo. Ĝi estas loĝata jam en prahistoria tempo. Sufiĉas citi kiel pruvon, la akvokapton mirigan de la mineralakva fonto de San Murezzan (Sankt Moritz), la **Ova Cotschna** (Ruĝa Akvo) je alteco de 1.800 metroj, farita en la unua aĝo de la bronca epoko kun tia perfekteco nur klarigebla per jam tiutempa intensa ekspluatado. Laŭ la tradicio rakontita de Livio kaj de aliaj romaj verkistoj, la Retoj devenis de la Etruskoj kaj sovaĝiĝintaj en la Alparo. Pro minacanta invado galia ili rifuĝis al Norda Italio sub ilia ĉefo R e t o, de kiu ili akceptis la nomon. Hipotezo, starigita en la pasinta jarcento kaj trovinta subtenon inter la tiamaj historiistoj ankaŭ de Mommsen kaj hodiaŭ ĝeneraligita kontraŭ opinias, ke la etruskoj, kies orienta deveno ne lasas dubon, migrantaj almonte de la Danubo — trans la alfluoj dekstraj — fiksiĝis en la retaj alpoj. De tie ili malsupreniris pli poste al Italio kie ilia kulturo devis atingi mirigan floradon. Kial la etruskoj konataj kiel majstroj en la prilaborado de l' metaloj ne estus migrintaj al la Alpoj, por ekspluati tie la mineralajn trezorojn ?

Ĉiuokaze, la enskriboj etruskaj trovitaj en la zono laŭlonge de la Retaj Alpoj (en Locarno en valo Mesocco, Sondrio, Bolzano k.t.p., pruvis etruskan enmigron en la valoj de Alta Retio, kiuj, kiel konfirmas pli novaj elfosaĵoj, estis loĝitaj de iliriaj kaj ne de kelkaj triboj.

De la miksiĝo de elementoj iliria-etruska, eliris, sub interveno de faktoroj misteraj, la r e t a tribo. Ne kiel unuforma tribo, — kiel tio estus okazinta en la ebenaĵo kies leĝo estas la unuformeco — **sed** subdividita en nombro de **montaraj triboj**, kun la plej diversaj nomoj kaj dialektoj. Sole la Roma Imperio kunigis sub la komuna nomo R e t i o, trans la Alpa Regiono ankaŭ Vindelicion kaj Norikon.

La rom-imperia ekspansia politiko, iniciatita de Julio Cezaro, devis venki la malhelpon de la Alpa baro kaj de la montara popolo. Plej malfacile estis la subigo de la retoj. Necesis militiro de plej granda mezuro, plenumita de Druso kaj Tiberio en la jaro 15 A.K., por rompi la heroan reziston de la alpanoj en la plej neatingeblaj rokonestoj, prinkantitan de Horazo :

**Devota morti pectora liberae...**

La Retoj estis venkitaj. Por atingi la celon estri la landon, necesis la senpopoligo de la Alpoj kaj oni ekstermis la vivan parton de la loĝantaro. Sur la roma regado etendiĝis sekve sur la tuta teritorio antaŭenigante la limojn ĝis la Danubo. Sub Diokleciano (281-305) estis dividita tiu ĉi teritorio laŭ administra vidpunkto en du grandaj provincoj : **Raetia Prima** (Alta Retio kun la Rejnvalo ĝis la Lago de Konstanco Bodensee kaj la supera parto de la Valo Venosta Vintschgau, kun ĉefurbo Curia Raetorum, la nuna Chur en germana, Coire en franca lingvo).

**Raetia Secunda** (Vindelicio kaj Noriko, ĝis la Danubo), Ĉefloko Augusta Vindelicorum, la nuna Augsburg. Rilate je Alta Retio, pli poste nomata ankaŭ Retio Kuriana (Retia Curiense, Churrätien) oni povas paroli nur pri roma okupado militista, sed neniaokaze pri efektiva koloniigado. La kruda kaj sovaĝa lando estas malriĉa, sen centroj imponaj, pro tio nenia amfiteatro, teatroj aŭ luksaj vilaoj, je kio estas tiom riĉa la najbara Helvetio (vilaoj, tiom riĉe instalitaj kun centra hejtado kaj banoj, kiuj certe ne estis por la enloĝantoj sed por la distingaj personoj de la roma administrado, milita kaj civila). Mankas ankaŭ entute la tipaj latinaj loknomoj, kaj ĉia enskribo. La malmultaj romaj restaĵoj estas en kontakto kun la stratoj, fortikaĵoj kaj banlokoj en la militista restadejo de la ĉefurbo. Alta Retio estis grava por la Roma Imperio pro la pasejoj tra la alpoj, necesaj por konservi la interligon kun la konkiritaj regionoj trans la alpoj. Sinsekve la lando ankaŭ liveros valoran rezervon da homoj, tute speciale por la militoj kaj Romo urĝis por ilin envicigi kiel helptrupojn.

Pli malfrue, kiam Romo certiĝis pri la neŝancelebla fideleco de la retaj legianoj, oni kreis elektitajn kohortojn, al kiuj — laŭ la « Taktiko » de Arriano — estas ordonotaj krii la militvokon en r e t a lingvo. Inter la serio de moneroj, kiujn Imperiestro Hadriano difinis por disdoni al la trupoj, okaze de liaj grandaj vojaĝoj en la provincoj — tiun en provinco Retio oni devus bone lokigi en jaron 121 — troviĝas ankaŭ sesterco, dediĉita al la **Exercitus Raeticus.**

(Daŭrigo sekvos).

# Variaĵoj

## La senŝanĝa Hispanujo

« Hispanujo estas el ĉiuj landoj en Eŭropo la plej facile okupebla de armeoj; sed estas nenia lando en Europo pli malfacile konkerebla. Nenio estas pli malestiminda ol la rezisto, kiun montras al invadantoj Hispanujo per siaj efektivaj soldatoj; sed nenio estas pli forteterura ol la energio, kiun ĝi prezentas, kiam ĝia efektiva armea rezisto jam suferis frakason. Ĝiaj armeoj jam longe tro aspektis kiel nedisciplinitaj amasoj; sed ĝiaj nedisciplinitaj amasoj, en neordinara grado, posedas la spiriton de armeoj. Al la soldatoj, kompare kun alinaciaj soldatoj, mankas kelkaj bonaj kvalitoj; sed la kampuloj posedas tiom da bonaj kvalitoj kiom la soldatoj. En neniu alia lando okazis, ke tiom fortikajn lokojn oni prenis per subita atako; en neniu alia lando okazis, ke senfortikajn urbojn oni tiel furioze kaj obstine defendis kontraŭ grandaj armeoj. Milito en Hispanujo, ekde la tempo de la Romanoj, posedis karakteron tute propran; ĝi estas fajro, kiun nenio povas estingi; ĝi brulas arde sub la cindraĵo; kaj longe post kiam ĝi ŝajne estas mortinta, ekflagras ĝi pli forte ol antaŭe ».

(Lordo Macaulay, en « La Milito pri la Tronheredo en Hispanujo, 1702-13 ». )

## La plej granda ortrezoro en la mondo

La Usona trezor-oficejo organizis en la ŝtato Kentucky en Fort Knox fortikaj-similan kirasitan konstruaĵon, provizitan je ĉiuj eblaj sekurec-aranĝoj. La konstruaĵo devas gastigi la kolosan ortrezoron, ĝis nun konservitan en diversaj lokoj de la Unio. La transporto de l'oro okazis sub apliko de ĉiuj elpenseblaj rimedoj de protekto. Tia transporto estis antaŭigata de speciala vagonaro, konsistanta el lokomotivo, pluraj ŝarĝvagonoj, oleo-tankvagono kaj porpersona vagono. Distance de unu kilometro sekvas vagonaro ŝarĝita kun la multvalora metalo. Unu tia orvagonaro veninta el Philadelphia transportis 200 milionojn da dolaro en oro. La vagonaro estis protektita de homoj kun maŝinpafiloj kaj la transporto de la fervojo al la Ora Domo okazis sub akompano de kirasitaj vagonoj, de tankoj., kaj de kavalerio. La ortrezoro de la Unio atingas ĉ. 12 miliardojn do 12.000 milionojn da dolaroj.

## Fingropremaĵoj en pasporto brita

La britaj pasportoj ne enhavos premaĵon de la fingroj, por identecigi la portanton. La procedo estis proponita de la polica konvencio en Kopenhago. Laŭ demando en la Parlamento brita Ministro Eden respondis tiel, aldonante ke la vivo estas jam sufiĉe komplika.

* * *

## La Biblio kiel felietona legaĵo

La angla gazeto « Sunday Express » komencis publikigi la Biblion kiel felietonon. El la antaŭparolo de la redaktoro vidiĝas, ke tiu ĉi konsideras la Biblion ĉefe kiel literaturan kaj lingvan majstroverkon.

* * *

*Por imponi al siaj kunhomoj, ne necesas scii tre multe. Jam sufiĉas ĉas, se oni scias ĉion pli bone.*

*Vivu tiel, ke vi senriske kaj sen timo hontiĝi, povos fordoni vian papagon al la plej granda babilaĉulino de via urbo.*

*Usona diraĵo.*

## Eldiroj

*Nia raso, nia lingvo, nia kulturo kaj historio estas germanaj, tio estas certa. Sed Germanujo estas lando kaj Aŭstrio estas alia lando. Ni ne volas la aliĝon sub neniaj cirkonstancoj. Ni tenas je nia senkondiĉa sendependeco.*

*D-ro Schuschnigg.*

***

*Ju pli valora estas nia kontribuo al la politiko por la paco kaj de la ordo, despli komprenebla aperas al ĉiuj, ke la ĉeĥoslovaka Respubliko estas eŭropa necesaĵo.*

*D-ro Hodza.*

***

*Ni havas gigantan laboron antaŭ ni. Por ĝi ni bezonas nepre longan periodon de paco.*

*Mussolini.*

***

*Decidite, defendi la netuŝeblecon de sia teritorio kaj siajn vivnecesajn interesojn en la mondo, Francujo estas preta je sincera interkonsento kun ĉiuj potencoj, kiuj montris per agoj ilian volon. atenti la internaciajn leĝojn kaj respekti la liberecon de l'aliaj popoloj.*

*Chautemps.*

*En pasinta tempo estis fiksita kiom da falsaj dentoj rajtas havi rekruto por esti akceptota. Ĉi tiun regulon mi forigis.*

*Hore-Belisha,*
*Brita Militministro.*

***

*La homoj dediĉantaj sin al la scienco okupiĝas hodiaŭ apud sia fako ĉefe kun la demando pri la paco, ĉar ĉiuj niaj klopodoj estas vanaj, se el niaj eltrovaĵoj estos forĝataj nur iloj por la detruado kaj la fruktoj de nia paca laboro pereos en tutmonda katastrofo.*

*Prof. Szent-Györgyi,*
*(Nobel-premiito).*

***

*Ofte mi jam pensis: Kiom pli facile estus regadi la mondon. se la diktatoroj havus okazon, esti edukitaj en Oksfordo.*

*Lord Halifax.*

***

*Dume Germanujo kaj Italujo estas popoloj armitaj, Britujo kaj Francujo estas hodiaŭ nur popoloj kun armiloj.*

*New York Herald Tribune.*

***

*De la komenco la nacisocialismo konsideris la ekonomion kiel neekzistantan.*

*Das Schwarze Korps,*
*Berlin.*

# Literaturo

## En la tribunalo de l'historio

De António Sérgio

Juĝisto. — Juĝotino konfesas esti mortiginta Profiton ?

Abundo. — Jes, Sinjoro Juĝisto; sed tio estis senvola mortigo. Cetere, se mi ĝin farus memvole, estus laŭ necesa sindefendo. Mia panjo povas klarigi al vi.

Juĝisto. — Sed kiu estas via panjo ?

Abundo. — Mia panjo sin nomas Tekniko.

Juĝisto. — Ĉu ĉeestas Tekniko ?

Tekniko. — Estas mi, Sinjoro Juĝisto. Scienco-Tekniko. Servistino por servi al vi.

Juĝisto. — Ĉu vi scias kiel okazis la afero ?

Tekniko. — Profito, Sinjoro Juĝisto, diris, ke mia filino — Abundo — ne lasis lin vivi en paco. Li havis butikon, najbare unu de la alia...

Juĝisto. — Kaj poste ?

Tekniko. — Abundo, mia filino, havis pli kaj pli da aĵoj en la butiko. Profito furioziĝis pro tio, kaj pagis al kelke da friponoj por ke ili detruu kion estis en la butiko...

Juĝisto. — Kaj via filino, kion ŝi faris ?

Tekniko. — Mia filino, bedaŭrinde, rezignaciis; sed kiu furioziĝis pro la afero estis la knabeto.

Juĝisto. — La Knabeto ? Kiu knabeto ?

Tekniko. — Ilia filo, karega Sinjoro.

Juĝisto. — La filo ? Ĉu filo de Profito kaj Abundo ?

Tekniko. — Jes, Sinjoro Juĝisto. Tiu senhontulino sin ligis kun Profito, kaj ili havas filon.

Juĝisto. — Kaj kiu estas li ?

Tekniko. — Li estas knabeto, kiu aperas ĉie, kaj kiun oni nomis « Senlaboreco ».

Juĝisto. — « Senlaboreco »? Do, Senlaboreco estas filo de Profito kaj Abundo ?

Tekniko. — Jes, Sinjoro Juĝisto. Vidu, Via Moŝto, kia frenezeco ! Abundo ligita kun Profito kiu estas Filo de Malriĉego ! Ĉu ne estas absurdaĵo ? ? Ĉu vi vidas, malfeliĉega, kion vi faris?

Juĝisto. — Sinjorino, vi diris, ke Senlaboreco...

Tekniko. — Politiko faris ĉion por lin mortigi. Sed estas maleble. Senlaboreco estas mia nepo, kaj li vivos tiom kiom mi mem, kiu estas senmorta. Dank' al mi, Fluanta-Akvo, Karbo kaj Petrolo venis anstataŭi la braklaboron de Homo, kaj mia kara nepo diradis al ĉiuj : « iru en paco, homoj de Dio : vi manĝos vian panon el la laboro de viaj maŝinoj ». Sed oni ne komprenis lin ankoraŭ, Sinjoro Juĝisto, kaj la kompatinda knabeto estis furioza ĉar oni almonis lin per moknomo...

Estis Profito, kiu lin baptis per la moknomo, ĉu vi scias ?

Juĝisto. — Kaj kio estas lia vera nomo ?

Tekniko. — La vera nomo estas Libertempo. Ha, mia kara nepo ! Estis por havi ĉi tian nepon, ke mi kreis mian filinon Abundo ! Mi volis irigi lin en publikan lernejon, en la ĝardenojn de Scienco, de Sporto, de Beleco, de Frateco — al Plena-Ĝojo, al Granda-Feliĉo ! Sed la sentaŭga Profito ne permesis kaj tial Politiko volis mortigi la knabeton. Mortigi mian nepon ! Oni devus unue mortigi min ! Profito pretendis, ke mi vivu por li.. Mi, vivi por Profito ? Mi vivas por mia filino kaj mia nepo.

Juĝisto. — Bone. Sed, pro tio, ke Abundo mortigis Profiton...

Tekniko. — Sed ĉiuj strebas revivigi tiun mortinton, kaj lia vaganta spektro ekscitas ĉie malkonkordon ! La plej malbona spektro, la ĉefo de ĉiuj !...

Sed kio estas ĉi tio, mia Dio ? Kio okazis ?

Aŭdiĝas granda ekstera bruo. Venas en la ĉambron malbeligita knabeto kaj post li popolamaso de persekutantoj. Tekniko **aflikta** sin ĵetas al la jusveninto, kaj lin ĉirkaŭbrakas. — Tekniko —. Mia kara nepo, mia kara nepo ! Kiel tiuj malbenitoj vin transfiguriĝis.

El la Portugala tradukis

M. Freitas.

## Mi vin amis...

De G. Din Maldova

*Sur la sablon el la parko*
*Kie ĉiam belodoras,*
*Skribis mi hieraŭ, kara:*
*« Mi vin amis kaj adoras ».*

*Dum la nokto blovis vento;*
*Kaj matene plu ornamis*
*La sablerojn el la parko*
*Nur la vortoj: « Mi vin amis... »*

El la rumana: P. Firu.

## Preĝo

de Antonio Cappa.

Al Prof. Corrado Grazzini la tradukinto dediĉas.

*Bel' estas, Sinjoro, rigardi en lazuro*
*de l'suno brilantan rideton;*
*brueto en l'aero flustradas mistera*
*lumigas vizaĝojn radieto.*

*Ĝojigas, Sinjoro, la lumo brilanta*
*tenebrojn malhelajn pelante;*
*leviĝas la vivo en mondo silenta*
*ĉar estas la dono feliĉ' kaj dolor'.*

*Mi sonĝas, Sinjoro, halleton al (krudaj*
*penadoj de l' daŭra marŝado:*
*ĥimeron aŭ donon atendas mi (diajn*
*donantaj al koro iluziojn ?*

El itala : Corrado Cerri.

## Vintro-nokto

*El la noktpordo la Vintra Grand [estro*
*fiere paŝadas tra pala pasflor',*
*dum de l'unika frostfesta orkestro*
*ĉiele ekeĥas la stela laŭdĥor'.*

*Per glacia diademo*
*super blanka neĝvelur',*
*do en servutema tremo,*
*Lin honoras la natur'.*

*Eĉ la plenkonscia luno*
*teksas el arĝenta har'*
*fevualon kun sorĉruno*
*por adora altaltar'.*

*Gracofavore la Estro kapgestas*
*kaj alen foriĝas al ombra vidbord'.*
*Sed en la rondo ridete riĉrestas,*
*de l'vintronokto pacplena akord'...*

Richard Chlup, Brno-Brünn.

## Laboru, Gefratoj

*Unu por ĉiuj kaj ĉiuj por unu,*
*Fidele laboru, gefratoj!*
*Interkonsenton ĝojege plenumu,*
*Antaŭen! per mondo amataj.*

*Devas, ke nepre... diversaj popoloj*
*Senpere per lingvo kuniĝu,*
*Unu facila, donita al homoj,*
*Kaj inter si fratoj fariĝu!*

*For! la bataloj, kvereloj, avaro!*
*Benita pacvivo, alvenu!*
*Homoj kuniĝu en unu homaro!*
*Feliĉa pacvivo alvenu!*

Aleksandro N. Kanado

# Socia Vivo

## La danĝero de la japanaj narkotikoj

La narkotiko, produktata en tiuj regionoj, kiuj staras sub japana influo, prezentas senperan priminacadon al Eŭropo. « En la regionoj de Ĉinujo, starantaj sub japana influo, fariĝis la situacio, jam delonge ekstreme danĝera, ankoraŭ pli malbona en la jaroj 1936-a kaj 1937-a. » Tion deklaras la ĉefsekretario de la Ligo de la Nacioj en sia jarraporto pri la agado de la Ligo de la Nacioj, en kiu li detale priskribas ankaŭ la problemon de la komerco pri opio kaj narkotikoj. Svisa fakulo, profesoro H. Fischer el la farmakologia instituto en Zürich, finas artikolon en la « Svisa Medicina Semajngazeto » per la jena averto:

« Se ni en Eŭropo ne estas gardemaj, ni eble baldaŭ staras antaŭ grandega invado de narkotikoj en Ĉinujo fabrikataj, sisteme praktikata de la internacia narkotikkomerco. Per tia invado jam hodiaŭ Usono kaj Kanado grave suferas. Se ni tion antaŭe ne sufiĉe priatentas, povus okazi io simila kiel ĉe la militiro, kiun, favore de la narkotikoj, antaŭ ĉ. 5 jaroj, aranĝis kontraŭ Egiptujo la internacie organizita kontraŭleĝa narkotikkomerco. Ĉi tiu lando, antaŭe preskaŭ sennarkotika, tiam estis travenenata tiagrade, ke oni devis registri en Egiptujo post tre mallonga tempo kelkajn centmilojn da narkotikmaniuloj. »

Tiel granda estas la danĝero, ke ankaŭ la publiko en pli vasta mezuro devas fariĝi konscia pri tio, por postuli de la aŭtoritatoj la antaŭforigajn defendprocedojn. Ĉar tiaj estas ĉi tie ne malpli necesaj ol, en la veterinarpolica fako, la plej rigoraj disponoj kontraŭ la entreniĝo de la afta epidemio. Jen unu el la specialaĵoj de la narkotikmanio : ĉie, kie la proponado de ebriigaj venenoj kreskas en neantaŭvidita grado, ĝi povas ekesti subite, kiel epidemio. La reprezentanto de Francujo raportis al la opiokomisio pri la ekesto de tia epidemio en Tuniso : la publikaj estraroj devis ataki ĝin per certe drakonaj disponoj. Sekve de la abomenindaj cirkonstancoj, kiuj ekzistas en la regionoj de Ĉinujo, starantaj sub japana influo, la narkotikoj povas esti proponataj ĉie amase. Tial oni devas aranĝi la plej severajn antaŭforigajn disponojn, nome ankaŭ tie, kie la cirkonstancoj estas ankoraŭ sanaj.

Pri la cirkonstancoj en Orientazio la opiokomisio de la Ligo de la Nacioj raportas la jenon (fine de julio 1937).

La ĉina registaro laŭvere sukcesis, redukti la plantadon de papavo je ĉirkaŭe la duono en la provincoj Junnan kaj Seĉuan, kiuj estas ĉirilate la plej gravaj. Tamen en Manĉukuo kaj en la ĉinaj provincoj Ĉahar kaj Jehol, okupitaj de Japanujo, la kulturado de papavo multe etendiĝis, en Manĉukuo de 1936 ĝis 1937 je 17 % kompare al la antaŭa jaro. La fiskaj enspezoj de ĉi tiu japana vasalŝtato ŝvelis dum la sama tempo je 28 %. Ĉar la opioproduktado de ĉi tiuj regionoj ne sufiĉas por la bezono de la narkotikfabrikoj en Mukden, Dairen, Harbin, Kalgan, Pekin kaj Tiencin, grandegaj kvantoj da kruda opio estas importataj el Irano kaj Koreo. Oni diras, ke la importado el Irano sumiĝas je 40-50 mil tiu el Koreo je 19.000 kilogramoj. Por plialtigi ĉi tiun profitodonan eksporton, la opioregio de Koreo validigis antaŭ kelkaj monatoj trijarplanon pri la etendiĝo de la papavokulturado.

La narkotikindustrio, senpere akcelata de Japanujo, prilaboras la opion je heroeno, la plej danĝera el la porĝuaj venenoj, kaj produktas ĝin en kvantoj neaŭditaj. La opiokomisio atentiĝis pri entrepreno en Kalgan, kiu potage produktas 50 kilogramojn; tio signifas : ĉ. la dekkvinoblan pormedicinan bezonaĵon de la tuta mondo, se oni elkalkulas la pojaran sumon.

La ĉefa deponejo por la narkotikproduktado de la malproksima Oriento estas Tiencin, kiu estas ankaŭ grava produktejo. Tie laŭdire 1.500 japanaj ĥemiistoj kaj 15.000 ĉinaj laboristoj estas okupataj en ĉi tiu krima industrio. El Tiencin eliras posemajne ĉ. 500 kilogramoj da heroeno en la kontrabandan komercon, kiu laboras kune kun la eksterlando. La ĉefaj vendadregionoj estis ĝis nun Usono, kie senpere aŭ pere ĉ. 90 % de la « varo » estis vendataj.

Sed la unua viktimo de ĉi tiuj cirkonstancoj estas la enloĝantaro de la sub japana influo starantaj regionoj de Ĉinujo. La tuta enloĝantaro de Manĉukuo estas laŭaserte tiel infektita kaj senenergiita per la ebriiga veneno ke eĉ lokaj japanaj gazetoj komencis protesti. En la urboj Harbin kaj Fuchiatien ekzistas nuntempe, kiel oni diras, pli ol kvarona miliono da narkotikmaniuloj ; sole en Harbin troviĝas laŭdire pli ol 300 ejoj, kie oni povas same senĝene aĉeti heroenon kiel ĉe ni, en gastejo, glason da biero. Se per tio estiĝis la impreso, ke Japanujo kvazaŭ alcelas, rompi la rezistoforton de la ĉina enloĝantaro per sistema infektado, oni povas tion kompreni. La dua viktimo de la produktado de ebriigaj venenoj en la malproksima Oriento povas esti la enloĝantaro de iu ajn lando, en kiu la internacia prinarkotika komerco sukcesas, subite ekvendi sian kanajlan varon en pli grandaj kvantoj. Usono kaj Kanado aplikas severajn defendajn disponojn. Sed en tiu mezuro, en kiu Usono sukcesas, defendi sin kontraŭ ĉi tiu minacado, la internacia prinarkotika kontrabando serĉos aliajn ven dadregionojn. Ĝi atakos ankaŭ Eŭropon, se oni ne estos singarda.

Kiel unuan kaj plej efikan defendan procedon prof. H. Fischer rekomendas la malpermeson pri la produktado, komercado kaj importado de heroeno, kiu, laŭ lia aserto, kiel medikamento estas tute superflua. Usono jam dekretis tian malpermeson antaŭ kelka tempo. Tamen ĝi atingos sian celon nur, se malobeo estos punata kun ekstrema severeco. Ŝajnas, ke la punminacoj por narkotikdeliktoj en ceteraj landoj devus esti formulataj ankoraŭ multege pli rigore, por atingi fortimigan efikon. Tiu, kiu trarigardis la ĉi-rilatajn aktojn de la opiokomisio, aliĝos al la deziro de prof. H. Fischer : Svisujo antaŭiru en Eŭropo kun bona ekzemplo kaj dekretu en sia regiono la kompletan subpremadon de la heroeno.

*Tradukis:*
Julius Holzleithner,
Aŭstrio.

## Tibeta Saĝeco

Kiam vi floron rigardas, vi ne kontentiĝu, ĝuante belecon de koloroj kaj bonodoron : vi pense malantaŭiru ĝis momento, kiam mankis floro kaj estis nur butono, vi malsupreniru al ĝiaj radiketoj. Kaj ĉe ĉiu objekto kaj en ĉiu fenomeno vi serĉu radikon. Tiam vi ĉiun aferon ekvidos en la plej esencaj kaj plej proksimaj kunligoj kun tero, aero, akvo, suno, universo, Dio.

Vi retrovu vian konscion, volon kaj bonecon — diras Tibeta medicino al dezirantoj retrovi sanon.

Konscio — estas kondiĉo kaj fundamento de la homa estado; ĝi estas okuloj kaj penso de animo : okuloj, ĉirkaŭprenantaj veron de estado, fiksitan en leĝoj de naturo; penso, kiu tiun veron transportas en sferon de homa ekzistado, fiksas ĉiujn formojn de tiu ekzistado, tutan ĝian enhavon.

Volo — estas ne nur kapableco regi siajn farojn, ĝi estas antaŭ ĉio morala forto, direktanta ĉiujn agadojn, donante al ĉiu ago komencon, daŭron kaj plenumon. t. e. efektiviĝon laŭ plano, desegnita de la konscio.

Boneco — estas ne nur ago de kompato rilate al aliuloj; ĝi estas fonto kaj celo de ago. Fonto — ĉar el la sento elfluas impulso, naskanta planon kaj agon, celo — ĉar boneco estas esprimo de la absoluta, objektiva, perfekta boneco de Dio-Kreinto de universo.

(Laŭ d-ro V. Badmajeff).

## El Regno de Eŭterpo

Redaktas : Hillar Sakaria, diplom. muzikartisto, Tallinn

### Himnaro de la nacioj

### Bulgara

La tekston de la bulgara himno verkis G. Ĵivkov, eble antaŭ la jaro 1878, aŭ plej malfrue en 1885. Ĝin korektis la fama bulgara verkisto Ivan Vazov, kies artista spirito faris el ĝi belan imponan simbolon nacian. Bulgario estis proklamita sendependa princlando en jaro 1878 kaj baldaŭ la kanto « Ŝaŭmu rivero Marica » kantita en la tiamaj bulgaraj militoj de soldatoj laŭ hazarde adaptita fremda melodio (kelkiuj ĝin opinias laŭ la germana melodio de « Wenn die Soldaten durch die Stadt marschieren) ekestis la nacia himno bulgara

Pri la aŭdigado de la himno estu dirite, ke ĝi okazas dum plej diversaj solenaĵoj Oni aŭskultas silente, stare, viroj kun malkovrita kapo, militistoj kun salutgesto. Ofte sekvas « hura »

La traduko de la teksto, farita de Ivan H Krestanov aperis en la « Bulgara Antologio », Sofia 1925. Ekzistas ankaŭ traduko de Kalocsay, laŭ informo de Krestanov.

### Saŭmas Marica

*Teksto : C. Ĵivkov* *Trad. I. H. Krestanov*

*Saŭmas Marica,*
*Sange koloras,*
*Vunda vidvino*
*Ĝemas kaj ploras.*
*(Rekantajo:) Marŝ', marŝ',*
*Kun la generalo'*
*Ni por la venk'*
*Flugu al batal' !*

*Idoj bulgaraj.*
*Mondo nin miru,*
*Hej, al la glora*
*Venko ni iru !*
*Rekantajo: Marŝ, marŝ'. ktp.*

*Balkan-leonon*
*Flugu ni vidas,*
*Kontraŭ atakoj*
*Hordojn ĝi gvidas.*
*Rekantajo: Marŝ', marŝ'.*

*Junaj kaj viglaj*
*En la ciklonoj:*
*Estos ni indaj*
*Por laŭrokronoj.*
*Rekantajo: Marŝ', marŝ'.*

*Gent' por honoro*
*Kaj por libero,*
*Morti scianta*
*Por naskotero.*
*Rekantaĵo: Marŝ', marŝ'.*

LA BULGARA HIMNO

Movrapideco: ♩= M. 80 Muz. de anonimulo

Majeste

Ŝaŭ-mas Mari-ca San-ge ko-lo-ras Vun-da vid-vi-no Ĝe-mas kaj ploras

Ĝe-mas kaj ploras — Marŝ', marŝ' Kun la ge-ne-ral' Ni por la venk'

Flu-gu al ba-tal' Flu-gu al ba-tal'



# La mondo ridas

### God save the King

En Londono, posedanto de magazeno cele enkonduki novan ban-salon, starigis bankuvon en la montrofenestro. Ĉiutage inter dekunua kaj dekdua, la preterpasantoj povis admiri en la bankuvon, beletan gracian knabinon, de kiu estas videbla nur la ŝultroj kaj la kapo kun belega blonda hararo. Afiŝo fiksita al la bankuvo anoncas al la rigardantoj, ke dank'al la bansalo, F-ino Y.X.Z. fartas plej bone. Tiu ĉi reklamo nature altiras amason da homoj. Subite rigardanto levas la ĉapelon kaj komencas laŭtvoĉe kanti la himnon : « God save the King ».

Policisto alkuranta, demandas la kantiston indigne : « Vi certe freneziĝis, ke vi senkaŭze kantas la nacian himnon. »

Je tio respondas la kantisto animtrankvile : « Freneze ? Certe ne. Mi nur esperis, ke Fraŭlino X.Y.Z. bonvolas stariĝi, kiam mi kantas la himnon. Estas ĝenerala kutimo, ekstari kiam oni kantas la himnon ».

⁂

### Dio gardu la reĝon

Profesoro en Oksfordo skribis al la nigra tabulo :

— Per tio mi informas, ke mi estis nomita Reĝa kuracisto.

Malica studento aldonis malsupren :

— God save the King (Dio gardu la reĝon).

### Junulo.

La Supera Tribunalo de Usono konsistas el juĝistoj de tre respektinda aĝo. Unu el ĝiaj plej maljunaj anoj estis la juĝisto Oliver Wendell Holmes, mortinta antaŭ iom da tempo. Li havis 92 jarojn. Li kutimis promeni en la posttagmezaj horoj kun samoficano, ankaŭ atinginta biblian aĝon, por ripozi de la cerbumiga juĝista agado.

Foje dum tia promenado la du maljunaj sinjoroj vidis preterpasi junan knabinon, belega kiel freŝa majmateno. Holmes esti tute entuziasmigita. Apenaŭ la beletulino pasis, li sin turnis por rigardi ŝin ankoraŭ kaj aplikante al sia akompananto fortan puŝon en la dorson li opinias kun bedaŭro : « Junulo, junulo, se oni ankoraŭ estus sepdek... ! »

### Inkognite

Sinjoro Montague Norman, prezidanto de la Nacia Banko Angla, ŝatis vojaĝi inkognite, por ne esti tedata survoje. Foje vojaĝante al Parizo li donis al si la nomon « Profesoro Skinner ». Sed surŝipe li estis rekonita de ĵurnalisto. Tiu ĉi alproksimiĝis je Sinjoro Norman kaj demandis respektplene : « Ĉu vi estas la fama poeto Profesoro Skinner » ?

Norman, kiu timis esti ankoraŭ esplorota pri siaj « verkoj » respondis tre ĝentile : « Permesu, kiu do vi estas ? »

« Verdire », respondis la jurnalisto ĝi estas sekreto ». Sed al vi mi jam volas diri ĝin. Mi nome estas la prezidanto de la Banko de Anglujo, Sir Montague Norman ! »

### Norda humoro

Kelkajn tagojn post la kristnaska donacado malgranda Makso demandas : « Ah, onklo, la tamburo kiun vi donis, al mi, estis la plej bona donaco, kiun mi ricevis ! »

« Ĝojigas min tio, karulo ! »

« Jes. komprenu, paĉjo donas al mi ĉiutage se mi ne tamburas, dek oerojn ! »

(*Illustreot Familieblad*).

« Ĉu vi ĉiam ankoraŭ estas fianĉo de Annie ? »

« Ne ! »

« Karulo, kian ŝancon vi havis, Kiel vi do sukcesigis senigi vin de tiu ĉi anserino ? »

« Mi edziĝis kun ŝi ! »

(*Aftonbladet*).

Sinjoro Ström ĉe antaŭdiranto : « — kaj vi estas la viktimo de plej aĉa trompo ! » « Multan dankon, ke vi mem tion diris al mi ! » respondis Ström, prenis la ĉapelon kaj foriris.

(*Husmodern*).

Dum prelego en universitato pri la denseco de la loĝantaro tera. La profesoro klarigas, ke nur en Okcidenta Indio vivas pli da viroj ol virinoj. « Feliĉa stato, li diris ŝerce, » ne malsimila al tiu ĉe nia universitato, ankaŭ la virinoj estis allasitaj por la studado ».

Post tiuj vortoj leviĝis kelkaj studentinoj protestante kaj volis forlasi la ĉambron.

« Momenton, fraŭlinoj », atentigis la profesoro, ne rapidu tiom, la proksima ŝipo al Okcidenta Indio veturas nur venontan semajnon. »

(*Dansk Familie Blad.*)

## Bibliografia Servo

Ipe. Nia Vojo. Aktualaj Problemoj de Moderna Internacia Vivo kaj Laboro. El donis Józef Przyborowski, ul. 6-go Sierpnia 20, m. 47. Warszawa. 24 paĝoj. Formato 16,5 × 12 cm. Prezo : 2 ekz. po unu respondkupono.

Ni, esperantistoj, jam plu ne estas senhejmaj, kaj ne devas serĉi, kial ĝis nun, iajn loĝejetojn jen en sporto, jen en turismo, jen en komerco, aŭ en iu alia loko kaj fako, nenie trovante ion tute nian propran kaj por ni vere konvenan. Ĉar nun Sinjoro IPE, bedaŭrinde ni ne konas lian veran nomon. trovis por ni tute bonan, grandan kaj belan regionon, kiun li nomis: « Supernacio ». Li detale priskribis ravajn ecojn de tiu regiono kaj bone pruvis, ke laŭ la antaŭmiljara filozofio orienta kaj laŭ la ĉiamaganta leĝo de homa disvolviĝo, ĝi apartenas al ni, esperantistoj. Plie li montris la metodon de la laboro en tiu ne tre konata regiono kaj la manieron de la plej konvena en ĝi organizado. Restas nur legi tiun ĉi belan, sed ne tre facilan broŝureton kaj streĉi ĉiujn niajn fortojn kaj pensojn al la plej baldaŭa efektiviĝo de tiu bela idealo homara kaj esperantista.

### Poŝtmarkoj

S-ro Jiri Hromada, studento, Praha VII, Socharska, 2, PM., k.ĉ.l. Temas pri kompletigo de la albumo per ordinaraj pecoj.

Mi volonte interŝanĝas PM kun ĉiuj landoj. Certe resp. Edvard Andersen, Aars Ejc, A.ars Danlando.

### Senpage

publikigas adresojn de geknaboj, kiuj deziras korespondi, la mon. ata gazeto « La Vojo ». Adreso Redakcio : Maranthonweg 15, Amsterdam, Nederlando.

### Korespondado

**Amsterdam** (Nederlando).

S-ro N. Zilver z. Jansestraat 53, PM. PI.

**Mukaĉevo** 3 (Ĉeĥoslovakujo).

S-ro A. Veverka, Internat. ul. 42; daŭre interŝanĝas kĉl. PM, PI kun bildoj de signifiaj kultuverkoj kaj monumentoj, naciajn kantojn.

Moskvo.- S-ro Nikolao N. Ŝaŝkin, Ĉistie Prudi, n°. 9 kv.l., PI - PM, socia vivo, edziniĝo ortodoksa religio, naciaj periodaĵoj.

⁂

Fino Cveta Chitrova ul. Maks. Rajkoviĉ 1, **Veliko-Tirnovo**, Bulg., korespondas kaj interŝanĝas PM un tuta mondo, popece, laŭ Yvert aŭ Michel.

### Internacia Inform-Servo

Ĵurnalistoj kiuj havas intereson por interŝanĝi aktualajn artikolojn por gazetoj skribu al : Journalist Gudfred Norgaard Jepsen, Silkeborg, Danmark.

### Prospekton

ilustritan, pri Ĉeĥoslovakio senpage sendas Ĉeĥoslovaka Esperantista Informejo, Praha XIX, Uralské, 9.

### Esperantistoj

el ĉiuj landoj sendu viaĵn Fotaĵojn por eldono de albumo. Ĉiu sendanto ricevos multajn Fotaĵojn el diversaj landoj senpage. Fotografejo A. Indrulis, Laizuva, Litovujo.

### Poŝtmark-interŝanĝo

S-ro Micé Marinovic, lernanto de klasika gimnazio, filo de delegito de UEA, en B a d i j a, (Korĉula) Jugoslavio, Dalmacio, dez. interŝanĝi PI kaj PM kun ĉiuj landoj.

### Regno de pensoj

Spirita, senpartia revueto de ĉiuj tempoj kaj nacioj estas havebla de :

Esperanto, Internat. ul. 42, Mukaĉevo, Ĉ. S. R.

### PM egalas monon!

Helpu Tutmonda esperantistaro! Esp-movado en Ŝanhajo nuntempe estas en malbona situacio! Sed la movadon ankoraŭ ne-facile funkciigas tie iuj fervoraj samideanoj. Por subteni tiean nian movadon donace sendu kiel eble pli multe PM ordinarojn aŭ memorigajn sed kompreneble uzitajn ! Adreso : S-ro Ĉoĉa, 14/169 Carter Road, Ŝanhajo, Ĉinio.

**Fondinto : H. Hodler, † 1920**

**Redakcio : Genève.**

**Red.: Provizora Komitato de U E A**

Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie)

Dato : 31 Januaro 1938.